# Boletín

## Federación Española de Esperanto

### Asociación de Utilidad Pública

### 7ª Internacia Esperanto - Kongreso




### 56ª Hispania Esperanto Kongreso

N-ro 330 • Marto - Aprilo 1997

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949

Hispana Esperanto-Federacio
Rodríguez San Pedro 13-3º-7
Es-28015 Madrid
Tel.+faksilo: +34-(9)1-446-80-79
esperanto@adv.es





*Kovrilo*: Augusto Casquero kaj J.A. Giménez, organizantoj de kongresoj.

*Noto*: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la autoroj mem.

Enhavo

# Nova etapo de HEF sin anoncas

*Antonio Marco Botella*

Antaŭ 50 jaroj, en unu el tiuj grizaj tagoj de decembro de 1947, kiam la sola futuro de la hispanaj esperantistoj kuŝis en certa iluzia espero apenaŭ difinebla, naskiĝis Hispana Esperanto-Federacio.

La situacio politika, socia, kultura kaj ĝenerale la nivelo en ĉiuj aspektoj de la hispana popolo rondiris unu el la punktoj plej malaltaj de la paca kunvivado inter hispanoj, kaj en unu el tiuj horoj, la oficialaj instancoj agnoskis al nia Federacio la rajton instrui Esperanton en nia lando. Scivoleme, mi foliumas la kolekton de *Boletín*, kaj saltante de paĝo al paĝo, mi legas, helpate de mia memoro, la malfacilajn epizodojn kiujn ni, hispanaj esperantistoj, devis superi por subteni kaj progresigi nian Federacion, kaj kiom granda kaj konstanta devis esti la oferado de niaj samideanoj por disvastigi la lingvon kaj fondi en niaj urboj novajn E-societojn. La ekonomia krizo de Eŭropo tuj post la finiĝo de la dua mondmilito, tute ne ebligis nin progresi per la solidareco de la eksterlandaj esperantistoj, kion cetere ne permesis la aŭtoritatoj de nia lando. En tiaj cirkonstancoj naskiĝis *Boletín* (okpaĝa) kaj komenciĝis la organizado de ĉiujara kongreso.

Kiuj estis la plej gravaj faktoroj ebligantaj superi la malfacilajn cirkonstancojn de tiu longega dura postmilito? Laŭ mia opinio mi metus kiel plej gravan elementon de progreso: la unuecon. Katalunoj, valencianoj, andaluzoj, asturoj, madridanoj, ktp. montriĝis nur kiel esperantistoj. ĉiu el ni havis sendube sian propran politikan idealon, sed kiam ni agis en la kadro de la Esperanta afero, ni estis nur esperantistoj. La perkorespondaj Esperanto-kursoj de nia neforgesebla s-ano Molera estis sendiskriminacie por ĉiuj. Alia progreso-faktoro de nia potenco kuŝis en la idealismo esperantista de niaj veteranoj: jes, ankoraŭ ekzistis multaj el ni, kiuj konservis tiun originan idealismon celantan la interkomprenon de la homoj, la respekton al la homaj rajtoj, la oferemon por nia celo... Kaj unuavice por tiu tasko, elstaris esperantistoj kiel D-roj Herrero, Llorens, Régulo kaj Tudela; brilaj oratoroj kiel Luis Hernández kaj d-ro Solá; doktaj kompetentuloj kiel Salvador Gumá, Caplliure Ballester kaj Fernando de Diego kaj multaj aliaj... Permesu al mi, karaj legantoj, ne plu mencii pli da nomoj, ĉar la vico de eminentuloj, nur de tiu epoko, povus esti longega kaj bedaŭrindaj forgesoj povus malbeligi nian mencion... Kelkaj el tiuj talentaj homoj provizis nin per vortaroj, gramatikoj, modelaj tradukoj, kaj en kelkaj kazoj ili fariĝis majstroj de junaj generacioj, kiuj jam brilas per propra lumo...

ĉu mi do diras ke ni faris ĉion perfekte dum de tiu duonjarcento? Tute ne! Sed retrorigardo al tiuj postmilitaj mal-


S-ro Manuel Capliure
Unua Prezidanto de HEF

facilaj jaroj povas sendube havigi al la nunaj generacioj bonan kaj utilan lecionon. Kompreneble, la aktuala socio evoluis en la lastaj jaroj, tiamaniere, ke multaj el la antaŭaj rimedoj ne plu efikas. Novaj elementoj transformis la kunvivadon de la homoj: aŭtomobilo, radio, televido, fulma teknika progreso, multnaciaj entreprenoj, kaj en la lasta jardeko, informadiko malkovris horizontojn tute neimageblajn por la homo de la pasinta duonjarcento. Sed la transformiĝo de nia socio per tiuj modernaj elementoj ŝanĝis samtempe nian spiriton, ĉar ekzistas ankaŭ aspektoj negativaj: senlaboreco, perdo de idealoj, malsolidaro kaj tribaj inklinoj de certaj egoismaj homaj kolektivoj, kiuj starigus landlimojn ĉirkaŭ ĉiu domo.ĉio ĉi pleniĝas la horizonton je tre kompleksaj problemoj.

La hispanaj esperantistoj ne povas nek devas ignori tiun futuron, kiun ni devas alfronti jam kelkajn jarojn antaŭ la alveno de la jaro dumila. En la asembleo de HEF okazonta en la venonta julio, kiam finiĝos la mandato de la nuna estraro, ni devas multe zorgi por la elekto de novaj homoj kapablaj progresigi nian Federacion. Plani novan programon, malkovri novajn padojn, estas nia tuja tasko. Efektivigi niajn projektojn, devo neprokrastebla. Estas evidente ke ni bezonas pli da unueco por atingi niajn celojn; pli da komunaj programoj por la tuta lando. Tro ofte ni funkcias individue pretekstante tre frivolajn kaŭzojn tute netranscendajn, kiuj dividas niajn fortojn. Nia nacio, hodiaŭ kiel hieraŭ, estas la tuta homaro, kaj nia lingvo celas la interkomprenon de ĉiuj homoj sen distingo pri rasoj, landlimoj kaj aliaj artefaritaj baroj.

Nova etapo percepteblas jam en la horizonto!

# HEF en Internet

**Nova HEF-retadreso:**
**esperanto@adv.es**
**paĝo:**
**home.adv.es/esperanto**

# 56a HK

**Valencia 8a - 13a de Julio 1997**

Konstanta adreso: Grupo Esperanto de Valencia, Gran Via Fernándo el Católico, 45, 3a, ES-46009 Valencia.

Tel. kaj Faksilo: 96-3849616

Kontonumero: 2077 0069 24 3100702329, Bancaja, calle Málaga 37, ES-46009 Valencia.



Kune kun la

## 7a INTERNACIA ESPERANTO-KONGRESO

**VALENCIA 8—13 julio 1997**

Valencia, urbo kun preskaŭ unu miliono da loĝantoj, rande de la maro, dum multaj jaroj loko transpasata de ĉiaspecaj turistoj vojaĝantaj al la Blanka aŭ al la Suna Marbordoj, estas turisma allogo per si mem, kun altiro kiu ne estas limigita al la someraj monatoj. Ĝia Historia Centro donas la impreson de malnova urbo kun araba diagramo, en kiu estas interlokitaj interesaj gotikaj monumentoj. La lago "Albufera" kaj la mediteranea arbaro "Devesa" troviĝas inter la plej gravaj malsekaj areoj de Eŭropo, kun propra kaj tre interesa ekosistemo, kie la naturamantoj povas rigardi milojn da anseroj kaj aliajn naĝbirdojn, kiuj flugas dum siaj migroj, kaj ankaŭ povas ĝui ĝiajn belajn plaĝojn, posedantaj altkvalitan turisman infrakstrukturon, kiu konsistas ekde kvinstelaj hoteloj ĝis grandaj kaj bone ekipitaj kampadejoj, sportaj instalaĵoj, kaj restoracioj kie eblas gustumi tipajn valenciajn manĝaĵojn.

Valencia estas ankaŭ sidejo de internaciaj foiroj kaj kongresoj, scenejo de tradiciaj festoj, kiel la tutmonde konata "Fallas", loko de renkonto de mediteraneaj kulturoj.

Valencia estas la urbo de la monu-

mentoj gotikaj, renesancaj kaj barokaj en kiu vibras popolo agrikultura kaj industria kun spirito de plibonigo.

Valencia, mediteranea kaj eŭropa urbo, atendas la vizitantojn por pruvi ke la gastamo de ĝia popolo iras trans la topikaĵoj.

Valencia estas la urbo kiu bonakceptas kaj oferas la bonon de la milda klimato, la horizonton de la maro kvieta kaj luma, la fekundon de siaj ĝardenoj. Estas pli ol printempa vetero kiu odoras je oranĝfloroj.

Valencia estas la urbo kie okazis la 78a Universala Kongreso de Esperanto, tute ne forgesebla.

Kaj Valencia estas multe pli.

## KIO ESTAS LA KONGRESO?

Ĉi tiu kongreso naskiĝis en la orienteŭropaj landoj, kie pro diversaj cirkonstancoj la esperantistoj havis malfacilaĵojn por ĉeesti la Universalaj kongresojn de UEA, kaj aliajn. Tiucele estis kreitaj la "Internaciaj Esperanto-Kongresoj"-n por faciligi la tieajn esperantistojn ĝui internacian esperantistan estoson pere de ili.

Tiuj malfacilaĵoj, ĉefe la ekonomika, ankoraŭ daŭras, kaj pro tio, kaj pro la alta kvalito de tiuj kongresoj, jam tradiciaj, ili daŭre okazas. Ĉi foje, post tiu de Slovakio, en Hispanio, unuafoje en okcidenta Eŭropo.

Ĉirkaŭ 500 esperantistoj, de diversaj landoj, venos al Valencio, kie ĉiuj trovos agrablan etoson, kulturan kaj artan programon, distraĵojn kaj amikecon, ene de malmultekosta buĝeto, kiu helpos, ĉefe pere de malaltaj kongreskotizoj (diference de aliaj esperantaj kongresoj) kaj malaltaj loĝprezoj la ĉeeston de ĉiuj. La hispanaj esperantistoj havos la eblecon, en la jaro de la UK en Australio, tre malproksime, ĝui internacian etoson sen longa vojaĝo, kaj interkonatiĝi kaj praktiki nian lingvon kun samideanoj de multaj landoj. Eble ni ne havos denove similan eblecon en multaj jaroj, do, ni ĉiuj devas profiti la okazon.

Ĝis nun esprimis la deziron esti en la programo interalie la "Bulgara Esperanto-Teatro", la ukraina art-ensemblo "Zagrava", la "Koruso de Pedagogia Altlernejo" de Bydgoszcz (Pollando), kaj la muzikensemblo de la sama lando "Anda". Ankaŭ folklora grupo el Latvio, kaj kelkaj aliaj

## KION VI TROVOS EN LA KONGRESO?

La kongresanoj, krom prelegojn, debatojn, kunvenojn, ktp, havos la eblecon ĝui ĉiun aranĝon de la Foiro de Julio de Valencia, kaj de la Internacia Festivalo de Blovorkestroj kiuj koincidas kun la kongreso, kaj kio permesos ĉeesti koncertojn, kabalkadojn, teatron tradiciajn folklorajn aranĝojn, mirindajn artfajraĵojn, ktp, la plej multon tute senpage.

Gravos inter la esperantaj aranĝoj la prezentado de la literatura grupo "Ibere Libere", kiuj estos la kerno de la kultura programo. Ne forgesinda estos la okaziĝon de sinprezento de Akademianoj de Esperanto, kaj Akademianoj de la Inter-

nacia Akademio de la Sciencoj de San Marino (AIS) antaŭ la publiko. Ni ĝuos prelegon pri Garcia Lorca, teatron, muzikon, folkloron en Esperanto, gustumado de giganta "Paella" (tipa valencia manĝaĵo). Kurso de Esperanto laŭ la metodo Cseh estos aliĝebla. Okazos tuttaga tipe hispana kampara festo, kun grandaj surprizoj. Tagaj kaj noktaj plonĝadoj en la agrablajn akvojn de la Mediteranea Maro ne mankos. Agrabla etoso, familia kaj amikeca, ne oficialeca, akompanos nin dum la tuta kongreso.

Eblas aliĝi al la duontagaj kaj tuttagaj ekskursoj, kiuj montros al ni la plej belajn mirindaĵojn de Valencia kaj tuta regiono. Du postkongresaj ekskursoj kunportos nin al Andalucia (Granada, Sevilla, Cordoba, ktp), kaj al Madrid kaj ĉirkaŭaĵoj (Toledo, Aranjuéz, Escorial, Avila, ktp).

Por tiuj plej rapidaj por aliĝi al la kongreso, ni rezervis ĉambrojn, en tre bonaj kondiĉoj, apud la kongresejo mem, en UNIVERSITATAJ HOTELOJ. La prezo, tranokto kun plena pensiono, en dulita ĉambro, estas nur 3.600 pesetoj persono-tage. Bedaŭrinde ni nur sukcesis rezervi 200 litojn, kiuj estos por la unuaj mendantoj. Por la aliaj la LKK sendos prezojn de hoteloj ankaŭ sufiĉe konfortaj. Ĝisdatitajn informojn, kun ebleco rekte aliĝi, vi trovos en INTERNET, en la adreso: http://www.redestb.es/personal/a-casquero

La 7a INTERNACIA ESPERANTO-KONGRESO ofertas al vi ĉi tion,

KAJ..., MULTE PLI.

**HEF en Internet:**
**home.adv.es/esperanto**



**7a Internacia Esperanto-Kongreso**
**7a Eŭropa Esperanto-Forumo**
**56a Hispana Kongreso de Esperanto**

## Provizora Programo

Mardo, 8a de Julio

10.00—14.00 kaj 15.00—19.00 disdono de dokumentoj.
11.00 Malfermo de la Libroservo.
11.00 Inaŭguro de Filatela Ekspozicio.
11.30 Kunsido de la HEF-Estraro.
12.30 Gazetara Konferenco.
14.00 Paŭzo por tagmanĝi.
16.00 Kurso de Esperanto laŭ la Cseh-metodo.
16.00 Kunsido de la Estraro de "Monda Turismo".
17.00 Eŭropa Esperanto-Forumo, 1a prelego.
18.30 Akcepta Festo.
21.00 Arta Vespero.

Merkredo, 9a de Julio

09.00 Malfermo de la Libroservo.
10.00 Solena Inaŭguro. Kultura aranĝo.
12.00 Kurso de Esperanto.
12.00 2a prelego: "Sur la spuroj de Federico García Lorca" fare de Mi-

guel Fernández.
14.00 Paŭzo por tagmanĝi.
16.00 Publika sesio de la Akademio de Esperanto.
17.30 Prezento de novaj libroj.
17.30 Kunsido de interesitoj pri la "Camino de Santiago" kaj la postkongreso.
19.00 Konferenco de la Eŭropa Esperanto-Forumo.
21.00 Teatraĵo.

Jaŭdo, 10a de Julio
09.00 Ekiro de la ekskursoj.
09.00 Malfermo de la Libroservo.
10.00 Eŭropa Esperanto-Forumo, 3a prelego.
12.00 Kurso de Esperanto.
13.00 Akcepto de la delegitaro ĉe la Urbodomo.
14.00 Paŭzo por tagmanĝi.
16.00 Publika sesio de la Akademio de Esperanto.
17.00 Ĝenerala Kunsido de HEF.
17.00 Gvidata vizito al la urbo.
19.00 Internacia Arta Festivalo (1).
22.00 Nokta kultura vizito al la urbo.

Viernes, 11 de Julio
09.00 Ekiro de la ekskursoj.
09.00 Malfermo de la Libroservo.
10.00 Kurso de Esperanto.
10.00 Internacia Esperanto-ekzameno.
12.00 Konferenco por ne esperantistoj.
14.00 Paŭzo por tagmanĝi.
16.00 Eŭropa Esperanto-Forumo, 4a prelego.
17.30 Prezento de Esperanto-filmo.
17.30 Kunsido de Monda Turismo Esperanto.
19.00 Internacia Arta Festivalo (2).
21.00 Frata Vespermanĝo.

Sábado, 12 de Julio
09.00 Ekiro de la ekskursoj.
09.00 Malfermo de la Libroservo.
09.30 Prezento de la venonta kongreso.
09.30 Kurso de Esperanto.
10.00 Eŭropa Esperanto-Forumo, 5a prelego.
12.00 Arta Prezento.
14.00 Paŭzo por tagmanĝi.
16.00 Eŭropa Esperanto-Forumo, 6a prelego.
18.00 Solena Fermo.
18.00 Fermo de la Filatela Ekspozicio.
20.00 Arta Nacia Vespero.

Dimanĉo, 13a de Julio
09.00 Ekiro de la ekskursoj.
10.00 Ferma prelego. Homaĝoj.
12.00 Granda Internacia Arta Prezento.
14.30 Frata Kunmanĝado.
17.00 Adiaŭo.

**Prelegantoj kiuj ĉeestos:**

1.- D-ino. María Rafaela Urueña. Universitato de Valladolid.
2.- Antonio Alonso. Universitato de Santiago de Compostela.
3.- Gian Carlo Fighiera. Italio.
4.- Milan Zvara. Slovakio.
5.- Andrzej Grebowski. Pollando.
6.- Gonçalo Neves. Vicprezidanto de la Akademio. Portugalio.
7.- D-ro Tiburciusz Tybleski. Membro e de AIdS (San Marino).
8.- Miguel Fernández. Verkisto.
9.- Liven Dek. Verkisto.
10.- Jorge Camacho. Verkisto. Akademiano. UE-Funkciulo en Bruselo.

# Literatura Premio Francisco Máñez

REGULARO

CELOJ:

La verkoj devas enhavi la komunajn literaturajn trajtojn, kreativajn, kiuj tuŝu de proksime la valorojn de la homa animo, kun la celo atingi bonan komunikadon inter homoj de diversaj kulturoj kaj sentmanieroj. Oni rigardos speciale valoraj la verkojn kiuj rakontos spertojn aŭ iniciatojn kiuj kun rilato al la "VIVMEDIO" permesu ke ili estu translokitaj kun sukceso al aliaj medioj, kaj kiuj estu motivigaj kaj disvolvitaj sub elteneblaj kondiĉoj, teknologie eblaj kaj kun socia partopreno.

1.- La verkoj devas esti originalaj, ankoraŭ ne eldonitaj aŭ premiitaj, verkitaj en E-o, subskribitaj per pseŭdonimo aŭ moto. Kune kun la verkoj oni akompanu tute fermitan koverton, kun la originala titolo de la respektiva verko, kaj nomo, adreso, telefon- aŭ faks-numero, kaj retadreso se eblas, de ties aŭtoro. Sur la koverto oni skribu la pseŭdonimon aŭ moton de la verkinto.

2.- Ĉiu konkursanto devas sendi po tri ekzemplerojn de la verkoj per kiuj li/ŝi konkursas, tajpitajn en duoblaj interlinioj en DIN A4, unuflanke, kun longo minimume dekpaĝa kaj maksimume kvindekpaĝa.

3.- Oni sendu la konkursaĵojn al: Sociedad Cultural Ateneo "La Alianza", Plaza Doctor. Cajal n-ro 11, ES-46380 CHESTE (Valencia), Hispanio.

4.- Oni aljuĝos unusolan premion, kiu konsistos el **250.000** hispanaj pesetoj ( ĉ. **2.000** usonaj dolaroj).

5.- Limtempo por akceptado de la konkursaĵoj estos la 14a de aprilo de 1997. Tiurilate, la poŝta stampo atestu la daton.

6.- La verkaĵoj estos juĝitaj kaj pro iliaj literaturaj valoroj kaj pro ilia enhavo. Tiucele estos nomumita Teknikan Komitaton, kiu konsistos el homoj kun agnoskata prestiĝo, kiu faros la unuan selektadon. Poste, inter la de ili proponitaj verkoj, Juĝantaro havos la lastan decidon.

7.- Por la premiita verko, la organizantoj rajtas, se estas ebleco, peti de la aŭtoro la informatikan bazon.

8.- La Organiza Komitato klopodos laŭ la ebleco eldoni la premiitan verkon por ĝia diskonigo. La eldono estos dulingva, Esperanto/Hispana.

9.- La premiita aŭtoro cedos la rajton je eldonado laŭ la nunaj kondiĉoj: "La rajto je la unua eldono apartenas al la organizantoj de la premio Francisco Máñez, kiuj ankaŭ rajtos ĝin reeldoni okaze de aperigo de antologio".

10.- La verdikto ne apelacieblos. La organizantoj rajtas interpreti la nunan regularon.

11.- La livero de la premio okazos ene de la 7-a INTERNACIA ESPERANTO-KONGRESO, kiu okazos en Valencia (Hispanio) inter la 8-a kaj la 13-a de julio de 1997.

**HEF bonaj servoj**






**En 1997**

**HEF bonaj servoj**



**Viglas la movado**

## Manifesto de Prago en Avilés

Organizita de la Avilesa Esperanto Grupo "Antaŭen" okazis en la Gazetara Klubo "La Nueva España" de Avilés (Asturio) la prezentadon de *La Manifesto de Prago*. Komentadon pri ĝi faris la direktoro de la Klubo s-ro José Martinez.

Post kelkaj vortoj de la prezidanto de la E-Grupo "Antaŭen" samideano Nicolas Muñiz legis la tekston de la *Manifesto de Prago* s-ro Santiago Mulas. Je la fino de la legado okazis vigla kolokvo pri ĝi, en kiu intervenis multaj el la kunvenintoj. La plej multaj el la ĉeestantoj subskribis ĝin.

## Radiostacioj

Radio Vetusta de Oviedo kontaktis la Centran Oficejon de HEF kun la celo intervjui ajnan respondeculon pri la nuna e-movado. La C.O. sendis faksis al la radiostacio la manifeston de Praga kaj samtempe kontaktigis ĝin kun Miguel Gutiérrez. Fine la trian de februaro, de la 13 ĝis la 13a kaj duono oni telefone intervjuis nian santanderan samideanon. La feliĉa ideo faksi al la radiostacio la manifeston de Praga, certe altigis la averaĝan kvaliton de la demandoj.

Radio Polonia montris sian intereson rilate al la disko "Esperanto" kaj, kun la

celo informi sian internacian aŭskultantaron, ĝi telefone intervjuis Miguel Gutiérrez pri la temo. La Intervjuo estis trifoje dissendita.




## Daŭre sonas la disko "Esperanto"

Post plurmonato "bombado" pere de Astro Jupiter', unua kanto en la disko "Esperanto", la hispanaj radiostacioj komencis duan kampanjon per "Tirano", kompreneble, el la sama disko. Do, plu sonas en Hispanio ne nur la vorto Esperanto, sed ankaŭ nia lingvo.

Ĉiu esperantisto voĉdonu, se eble, por la levi kiel eble plej la novan kanton lanĉitan en la furor-listo de diskoj.

## Ĝenerala Asembleo de "Frateco"

La 9an de Februaro okazis en la sidejo de "Frateco" de Zaragozo la ĉiujara Ĝenerala Asembleo, kiu precipe pritraktis la malfacilan ekonomian situacion de la Asocio. La problemon jam ni devis alfronti pasintjare, kiam la registaro permesis al la domomastroj la plialtigon de la domo-luoj en alta procento. Tiam ni devis plialtigi la kotizojn laŭ memvola kvanto al protektantaj membroj, kaj starigi minimuman kotizon por la ceteraj. Ĉi-jare ni devis ripeti la operacion por solvi saman problemon.

Alian temon kiun oni debatis estas la ebleco pri starigo de monumento kun la nomo "Glorieta del Esperanto" (Ĝardeneto de l' Esperanto) al centra ĝardeno kiun la urbestraro konsentis dediĉi al nia Societo.

La ceteraj administraj kaj didaktaj temoj okupis la tutan matenon.

## 5a Internacia E-Semajno

Sub aŭspicioj de Hispana Esperanto-Muzeo oni anoncas la okazigon de la 5a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo 1997 en Sant Carles de la Rápita (Tarragona), de la 4a de Oktobro 1997 ĝis la 11a de sama monato. La kultura programo malvolviĝos en "ApartHotel La Rápita" (***), en tre komfortaj modernaj kondiĉoj, kaj ĝi situas je 50 metroj de la bela strando.

Aliĝkondiĉoj en pesetoj:

| | |
|---|---|
| Aliĝo | 3.500 |
| Gejunuloj ĝis 20 jaroj | senpage |
| Ĉambro dulita | 4.200 |
| Ĉambro unulita | 5.500 |

Adresu viajn leterojn por informope-

toj pri la *Kvina Internacia Semajno* al: Luis Serrano Pérez; Font Nova, 32. 08202 SABADELL. Hispanujo. Telf. (93) 7275021. Eventuale ankaŭ respondos vin amplekse pri la temo la kunorganizantoj de la aranĝo: Hispana Fervojista Esperantista Asocio; Apartado 15027.-ES-08080-BARCELONA.

Monsendoj: Caixa de Pensions n-ro 2100-3028-25-2200290294 aŭ per poŝta ĝiro al "Internacia Esperanto-Semajno", Font Nova, 32. Sabadell.

## Premio "José R. Huertas"

La pasintan 15an de decembro, 1996, en publika kunveno okazinta je la 12a en Liceo de Málaga, Plaza del Carbón 3, Malago (Hispanio), Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj kaj Andaluzia Esperanto-Unuiĝo publikigis, kune kun la verdikto, la juĝantaron de la konkurso,

La juĝantaro konsistis el:

Antonio Salvador Urbaneja Fernández, kuracisto, (Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj),

Emilio Zamanillo Pérez, Instruisto, (Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj),

Andrés Martín González, Instruisto, (Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj kaj Andaluzia Esperanto-Unuiĝo).

*Verko premiita*: Traduko de "La Nigra Spartako", de Geraldo Mattos.

*Tradukinto*: José Francisco Martín del Pozo. Oni liveris al la tradukinto la respondajn premion kaj diplomon.

Donacis librojn al la konkurso por premii la plej bonan tradukon:

*El Popola Ĉinio*, P.O. Kesto 77, Beijing, CHINA.

*Heroldo de Esperanto*, N. Sandre, 15, I-10078-Venaria Reale (TO) ITALIA.

*Libro-Servo de Hispana E-Federacio*, Apartado 119, ES-47080-VALLADOLID, España

*Luis Serrano Pérez*, Font Nova, 32, ES-08202 SABADELL (Barcelona) España.

*Vidvino de Luis Mimó Espinalt*, Font Nova, 32, ES-08202 SABADELL (Bna) España

Ilia kunlaboro ebligis grandparte la realigon de la konkurso. Nacia Sindikato de Hispanaj Verkistoj kaj Andaluzia Esperanto-Unuiĝo tre dankemas al ili pro tio.

### Biografie

José Francisco Martín del Pozo estas hispana universitata licenciulo pri la greka kaj la angla lingvoj. Krom instrui la grekan kaj la latinan en ŝtata duagrada lernejo, li dejoras kiel jurligita interpretisto. Lian tradukon de *Aŭkcio de vivoj* (Lukiano) eldonis Aŭstralia Esperanto-Asocio.

En la Movado, s-ro Martín del Pozo agadas kiel vicprezidanto de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo (AEU) kaj instruas Esperanton. Krome, li kunredaktas la revuon "Gazeto Andaluzia".

## Novaj adresoj de "Heroldo"

Bonvolu noti, ke de nun *Heroldo de Esperanto* havas novan redakcion kun jenaj adresoj:

1.-Administrado (abonoj kaj pagoj)

Dum proksimume unu jaro plue validos la ĝisnunaj adreso kaj pagmanieroj.

2.-Redaktado

Artikolojn, raportojn, redakcian materialon kaj bildojn sendu al la nova adreso:

*Heroldo de Esperanto*, CP 237, CH-6830 Chiasso 1, Svislando. Retpoŝto: giancarlo.fighiera@torino.alpcom.it. Fakso: +39-226-30-78.

Ankaŭ ekzemplerojn de via gazeto/bulteno bonvolu sendi al la nova redakcia adreso: la redaktorino ĉerpos el viaj tekstoj interesajn informojn kaj eventuale citos gravajn artikolojn.

G.C. Fighiera

## Eŭropa Esperanta Kultura Semajno

Esperanta kultura Festivalo en Aalen okazos de la 10a ĝis la 13a de majo 1997. Ĝi celas ne nur la Esperantan publikon, sed ankaŭ la diskonigon de nia kulturo. Tial do ĝi estos prezentata por esperantistoj kaj por ne esperantistoj.

**Eŭropa Junulara Parlamento,** paralele: ekskursa programo en Stuttgart de la 13a ĝis la 16a de majo 1997. La junuloj diskutos kun fakuloj kaj politikistoj (ne-esperantistaj) en laborgrupoj, ellaboros proponojn por la politikistaro el la vidpunkto de junuloj el oriento kaj okcidento kaj prezentos tiujn rezultojn en formo de «parlamento», kies debaton povos sekvi la publiko.

**Eŭrop-Unia E-Kongreso en Stuttgart**, de la 16a ĝis la 19a de majo 1997. En la centro de la kongreso nek estos fakkunvenoj nek asociaj jarkunvenoj, sed diskutoj en la movado pri Eŭropa politiko ĝenerale kaj ankaŭ pri lingvopolitiko.

9 tagoj plenaj da informo, distreco, internacieco kaj Esperanto.





## Premio Klara Silbernik

En la kadro de la 56a Hispana Kongreso de Esperanto, okazonta de la 8a ĝis la 13a de julio 1997, oni liveros tiun honoran Premion al s-ino Angeles Fernández, edzino de la elstara esperantisto Jesús Raposo Montero, el Valencio, pro ŝia tre valora apogo al sia edzo en lis fervora strebado por Esperanto.



## Internacia Esperanto-Instituto

Kvankam ne estas novaĵo nun la uzo de MAZI en Hispanio, ĉar jam de antaŭ longe oni instruas kursojn per tiu sistemo, ni anoncas al niaj legantoj, ke eblas mendi diversajn librojn pri MAZI kompletiganta la videofilmon:

Eblas mendi ĉe Internacia Esperanto-Instituto ankaŭ kromajn ekzemplerojn de la MAZI-libroj, nome:

La unua (flava) MAZI-libro estas tiu, kiu apartenas al la unuaj venditaj MAZI-kompletoj. Ĝi estas kun eraroj (pro tio ni aldonis erarlistan folion) kaj kostas 12 NLG.

La dua (ruĝa) MAZI-libro estas tiu, kiu apartenas al la nun vendataj MAZI-kompletoj. SEN eraroj, ĝi kostas 18 NLG.

Kolora libro kun ekzercoj (subtitolo AKTIVIGA LIBRO), kun eraroj, kostas 18 NLG.

Parte jam korektita sama libro (nun kun subtitolo EKZERCU KAJ LUDU) kostas 23,50 NLG.

Rabato por la supre menciitaj varoj:

Mendoj ĝis (ink) 10 ekz. 20%

Mendoj de pli ol 10 ekz. 30%

Aldoniĝas kiel kutime la sendokostoj.

Mendoj: Internacia Esperanto Instituto; Riouwstraat 178, NL-2585 HW Den Haag. Nederlando.

## Kultura Esperanto-Domo Grésillon

*12/04-19/04 Internacia Renkonto de Infanoj.

*20/06-05/07 Internacia Amika Renkonto

Kursoj por praktikantoj kaj lertuloj

*06/07-13/07 Kursoj por komencantoj (Unua parto) kaj por praktikantoj.

*13/07-20/07 Kursoj por komencantoj (Dua parto) kaj por praktikantoj.

"Gramatiko" (André Cherpillod);

"La franca lingvo pere de Esperanto" (Jeannine Vincent)

*20/07-27/07 Kursoj por komencantoj (Unua parto), kaj por praktikantoj.

"Tradukado el la franca lingvo" (Georges Lagrange)

*27/07-03/08 Kursoj por komencantoj (Unua parto), kaj por praktikantoj.

*03/08-10/08 Kursoj por komencantoj (Unua parto), kaj por praktikantoj kaj lertuloj.

*10/08-17/08 Kursoj por komencantoj (Dua parto), kaj por praktikantoj kaj lertuloj.

"Kiel komenci instrui Esperanto?" (Przemek Grzebowski)

*17/08-24/08 Kursoj por praktikantoj kaj lertuloj

"Ombroj de kulturo" (Przemek Grzebowski)

Pli detala programo estas havebla kontraŭ respondkupono aŭ afrankita koverto al la adreso: Kultura Esperanto-

Domo Grésillon. FR-49150 BAUGÉ. Telefono: 02-41-89-10-34.

## Akademio de Esperanto

Sekcio pri Ĝenerala Vortaro
Jara raporto por 1996

Celo de la raporto

Konforme al la nuna politiko en Akademio de Esperanto, celanta rapidan disvastigon de informoj pri ĝiaj agadoj, tiu ĉi raporto estis preparita, por ke akademianoj, diversaj instancoj en Esperantujo, la gazetaro kaj ankaŭ la ĝenerala publiko sciu pri la laboro de la Sekcio pri Ĝenerala Vortaro en 1996.

Konsisto de la sekcio

Aliĝis al la Sekcio pri Ĝenerala Vortaro jenaj ok akademianoj:

Perla ARI-MARTINELLII, Marjorie BOULTON, Jorge CAMACHO CORDÓN, Aldo DE' GIORGI, Reinhard HAUPENTHAL, Christer KISELMAN, Erich-Dieter KRAUSE kaj LI Shijun.

La unua enketo

Ekde la fino de majo estis sendita la unua enketilo de la nove organizita sekcio kun peto, ke la sekcianoj decidu pri la ĝusta esperantigo de (1) la monunuo "euro", (2) la italdevena vorto "graffiti" kaj (3) la toponimo "Alsace" (franca)/ "Elsass" (germana). La enketitoj estis petitaj ne simple voĉdoni por preferataj terminoj sed pravigi siajn elektojn per analizo surbaze de etimologiaj kaj historiaj donitaĵoj kaj ankaŭ citado de aŭtoritathavaj fontoj.

Resuma raporto

Ĉiu membro de la sekcio partoprenis en la enketo, sendante detalajn opiniojn kaj komentojn. Mi resumis la enhavon de proks.

20 paĝoj kun respondoj, en la formo de 11-paĝa raporto. Ĉar mi ne povas preni sur min la altan koston de fotokopiado kaj afrankado, mi petis, ke prezidanto Bormann okupiĝu pri tio kaj enpoŜtigu po unu ekzempleron de la raporto al la ok sekcianoj.

Demokrata pludiskutado

Post kiam d-ro Bormann plenumos tiun taskon, sekcianoj havos eblon trastudi ĉiujn respondojn kaj daŭrigi la diskutadon en demokrata maniero por atingi finan decidon pri asimilado de "euro", "graffiti" kaj "Alsace/Elsass". Tiam estos redaktita definitiva akademia raporto kaj, eventuale, rezolucio.

Konkludo

La Sekcio pri Ĝenerala Vortaro ne havas rilaton kun la lastatempe organizita akademia "fajrobrigado", kiu celas impeti kontraŭ problemojn kaj rapide trovi solvojn. Male, neniel obsedas la sekcidirektoron iu ajn dilemo pri rapideco kaj zorgeco. Liaopinie, la sola prudenta kaj celkonscia maniero atingi utilajn kaj longdaŭrajn rezultojn estas per sobra kaj ĉiuflanka pripensado de ĉiuj aspektoj de la leksikaj demandoj prezentitaj al la sekcio.

Bernard Golden, Direktoro,
Decembro, 1996

# Metodologio por asimilado de toponimoj

*Bernard GOLDEN*

### Manko de principoj kaj gvidlinioj

Ĉis nun la plej granda malfacilaĵo, kiun alfrontas esperantistoj entreprenantaj la taskon asimili vortojn kaj propajn nomojn el diversaj etnolingvaj fontoj, estas la manko de konkretaj kaj objektivaj principoj. Ne ekzistas reguloj por trakti tiuspecan leksikan materialon en konsekvenca maniero, do ĉiu agas laŭ sia bontrovo, kaj la rezulto estas konfliktoj kaj kaoso. Bezonata estas profunda esplorado de tiu problemo kune kun evoluigo de procedoj kaj specifaj rekomendoj por trakti en sistema maniero etimojn de ĉiu aparta lingvo. En la lastaj jaroj tri verkoj aperis kun detalaj instrukcioj por esperantigo de vortoj kaj nomoj el la hispana, kataluna kaj nederlanda lingvoj (1). Ili estas modeloj por ellabori asimiladajn gvidliniojn de alilingvaj fontoj de la Esperanta vortprovizo.

### Kriterioj por elekto de baza formo por asimilado

Kiam estiĝas konfliktoj kaj duboj, ekzemple en la kazo de toponimoj devenantaj de du malsamaj lingvoj, pluraj kriterioj prezentiĝas por influi decidon pri la plej ĝusta esperantigo. En la sekva listo la vicordo estas tute arbitra kaj ne celas indiki, kiuj estas la plej gravaj kriterioj. Pluraj faktoroj povas kondiĉi la elekton.

1.- *politiko*: La nomformo uzata en la aktuale reganta ŝtato estas la bazo de asimilado.

2.- *loka lingvo/dialekto*: Se iu karakteriza loka nomo estas uzata en la regiono, ĝi povas esti esperantigita.

3.- *prioritato*: Oni elektas la nomformon, kiu plej frue aperis en Esperanta publikigaĵo aŭ estis registrita en vortaro. Oni aplikas similan principon en la botanika kaj zoologia taksonomio.

4.- *zamenhofa uzado*: Prioritaton por vortoj kaj toponimoj donas la lingvouzo de la aŭtoro de la lingvo.

5.- *internacieco*: Oni elektas nomformon, kiu similas al tiu en la plej vaste uzataj lingvoj de la mondo.

6.- *neŭtraleco*: Manke de alia eblo decidi inter diverslingvaj variaĵoj, la latina ekvivalento, se ĝi ekzistas, estas uzebla kiel neŭtrala bazo de asimilado.

7.- *etimologio*: Malofte la etimologio povas prezenti solvon, krom se oni analizas la morfemojn en la nomo kaj tradukas ilin en Esperanton. La rezulto estas tute artefarita nomformo, kiu rila-

tas al neniu etnolingvo kun la escepto de tiuj, kiuj sekvis la saman procedon. Tamen, ĝi estas same neŭtrala, aŭ eĉ pli, ol la latina nomo.

8.- *kunekzisto*: Estas permesata uzo de du malsamaj nomformoj laŭ interkonsento de la esperantistoj de la koncerna regiono.

9.- *hidrografio*: Kiam temas pri la nomo de rivero fluanta tra pluraj landoj, oni arbitre esperantigas la etnolingvan nomon uzatan aŭ ĉe la enmariĝo aŭ ĉe la fonto.

10.- *kompromisa formo*: Oni provas krei nomformon, kiu estas kompromiso inter du aŭ pli da konkurantaj formoj, t.e. kiu havas elementojn de pli ol unu etnolingva formo. Estas necese decidi, ĉu la prefero estu por grafisma aŭ fonetisma kompromiso. Ĉiukaze, la rezulto devas esti komprenebla en la skriba lingvo same kiel en la parola lingvo. La formo de la asimilita nomo devas akordi kun la principoj de neceso kaj sufiĉo: ĝi havu nur la plej esencajn elementojn por malhelpi ambiguecon. Plue, oni provu simpligi la prononcon de la etnolingvaj etimoj per elimino de neoftaj konsonant-grupiĝoj kaj ankaŭ redukto de vokalaj hiatoj. Ankoraŭ unu dezirindaĵo estas evito de homofonecaj kolizioj kun aliaj nomoj kaj vortoj en la lingvo.

**Ekzemplo de apliko de la kriterioj:** TAJO (hispana) kaj TEJO (portugala) (2)

1.- TAJO: Ĝi estas grafisma esperantigo de rivernomo en Hispanio. *Tajo* (elp. Taĥo). Ĝi kolizias homofonece kun "Tajo", la nomo de mongoloida gento en sudokcidenta Azio.

2.- TAĜO: Ĝi estas iom modifita grafisma formo de la franca nomo de la rivero *Tage* (elp. taĵ).

3.- TAĴO: Jen kompromisa formo. Grafisme ĝi similas al la hispana nomformo, sed per la modifo de la dua konsonanto ĝi fonetisme sonas iel kiel la portugala nomo *Tejo* (elp. Teĵu).

4.- TAĤO: Ĝi estas fonetisma asimilado redonanta la prononcon de la rivernomo en Hispanio. Zamenhof uzis tiun formon en 1914.

5.- TAGUSO: La etimo de *Tajo/Tejo* estas la latina nomo "Tagus", kiu servas kiel neŭtrala nomo.

6.- TAGO : Pli simpla esperantigo de la latina etimo "Tagus" estas tiu ĉi formo, kiu estas homofona kun la substantivo "tago". Ĝi estis registrita en la frua vortaro de J. Rhodes (1908) kaj ankaŭ en la vortaro de Fulcher kaj Long (1963).

*Notoj*

1.- Bernard GOLDEN. "Principoj por la esperantigo de hispanlingvaj vortoj kaj propraj nomoj". Pĝ. 235-257 en : *Serta Gratvlatoria in honorem Juan Régulo*. Vol. II: Esperantismo. La Laguna: Universidad de La Laguna; 1987. 790 pĝ.

Hector Alos i Font. "Proponoj por la esperantigo de katalunlingvaj loknomoj". Barcelono: la aŭtoro; 1995. 33 pĝ.

Wouter PILGER. "Problemoj de Esperantigo de nederland(lingv)aj loknomoj". Pĝ. 557-570 en *Serta Gratvlatoria in honorem Juan Régulo*. Vol. II: Esperantismo. La Laguna: Universidad de La Laguna; 1987. 790 pĝ.

2.-Bernard GOLDEN. "Kiel nomi la riveron *Tajo/Tejo* en Esperanto?" Metodologia studaĵo. *Nia Bulteno*. 1992 majo-junio; 56: 17-19.

*Giordano MOYA*

**3.- Ĉu bulonja aŭ Zamenhofa esperantismo?**

En la antaŭparolo de la unua libro de Esperanto por rusoj, 1887, Zamenhof prezentis la lingvon jene: «...kian grandegan signifon havus por la homaro la enkonduko de unu komuna akceptita lingvo internacia, kiu prezentus egalrajtan propraĵon de la tuta mondo, apartenante speciale al neniu el la ekzistantaj nacioj... Falus la ĥinaj muroj inter la homaj literaturoj; la literaturaj produktoj de aliaj popoloj fariĝus por ni tiel same atingeblaj, kiel la verkoj de nia propra popolo; la legataĵo fariĝus komuna por ĉiuj homoj, kaj kune kun ĝi ankaŭ la edukado, idealoj, konvinkoj, celado -kaj la popoloj interproksimiĝus kiel unu familio...»

Kaj en la tria ĉapitro: «Sed mia lingvo ankoraŭ havas alian celon: ne kontentiĝante je internacieco, ĝi devas ankoraŭ fariĝi tutmonda, t.e. atingi tion, ke la plejparto de la mondo scianta legi kaj skribi povu libere paroli ĝin».

Zamenhof en *Esenco kaj Estonteco de la Ideo de Lingvo Internacia* rimarkas: "Ni konfesas, ke kiom ajn ni rompis al ni la kapon, ni neniel povis kompreni, en kio nome konsistus la malfeliĉo por la homaro, se en unu bela tago montriĝus, ke ne ekzistas jam plu nacioj kaj lingvoj naciaj, sed ekzistus nur unu ĉiuhoma familio kun unu ĉiuhoma lingvo».

Kaj Zamenhof diras en 1905 en privata letero (Plena verkaro de L.L Zamenhof, paĝ. 1607, *Ludovikito*): «...La kreado de malgranda neŭtrale homa popolo, en kiun iom post iom povus enverŝiĝi kaj solviĝi ĉiuj popoloj de la mondo, estas la tuta celo de mia vivo. La esperantismo estas nur parto de tiu ĉi ĝenerala ideo».

En la parolo antaŭ la kvara kongreso (paĝ. 2185): «Ni memoru pri tio, ke niaj kongresoj estas ekzercanta kaj edukanta antaŭparolo por la historio de la estonta interfratigita homaro».

Kaj el la parolo antaŭ la sesa kongreso (Vaŝingtono, 1910): «Ni esperas, ke dank' al nia laborado pli aŭ malpli frue la tuta mondo similiĝos al ni kaj fariĝos unu granda homa gento, konsistanta el diversaj familioj, interne apartlingvaj kaj apartmoraj, sed ekstere samlingvaj kaj sammoraj. Al tiu nia laborado, kiu celas krei iom post iom unuigitan, sekve fortigitan kaj spirite altigitan homaron, ni nun invitas vin, filoj de Usono. Kaj ni esperas, ke nia voko ne restos vana, sed ĝi baldaŭ eĥe resonos en ĉiuj anguloj de via lando kaj tra tuta via kontinento».

Tia skize estas la penso de Zamenhof, kio kondukis al la Homaranismo. Klare li diras, ke homaranismo estas estas plifortigita esperantismo.

Tiuj ideoj de Zamenhof ne sukcesis enradikiĝi. Preskaŭ neniu akcep-tis la homaranismon. Nur la lingvo Esperanto kiel internacia sukcesis allogi eĉ prestiĝajn kaj influajn personojn.

Tiel same, kiel la hebreeco de Zamenhof estis kaŝita, ankaŭ restis kaŝita la zamenhofa ideario. Ne estas strange do, ke la unua kongreso de Esperanto en Bulonjo-ĉe maro difinis esperantismon tiele: «La esperantismo estas penado disvastigi en la tuta mondo la uzadon de lingvo neŭtrale homa, kiu «ne entrudante sin en la internan vivon de la popoloj, kaj neniom celante elpuŝi la ekzistantajn lingvojn naciajn» donus al la homoj de malsamaj nacioj la eblon kompreniĝadi inter si, kiu povus servi kiel paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalas inter si pro la lingvo, kaj, en kiu povus esti publikigitaj tiuj verkoj, kiuj havas egalan intereson por ĉiuj popoloj. Ĉiu alia ideo aŭ espero, kiun tiu aŭ alia esperantisto ligas kun la esperantismo, estas lia afero pure privata, por kiu la esperantismo ne respondas».

La ideoj de Zamenhof, ĉu pravaj, ĉu malpravaj, restas kiel ili estis dum la *Deklaracio de la unua kongreso* ne estas prognozo por eterne. Zamenhof mem diris (Originala Verkaro, *Ludovikito*, paĝ. 2162) «... sed tiel same, kiel kongreso kreis la Bulonjan Deklaracion, tiel same kongreso povas nuligi ĝin, se venus iam la tempo, kiam tio ĉi montriĝus efektive necesa».

Post preskaŭ jarcento oni povas kompreni la malsukceson de la zamenhofaj ideoj. Tiuj ideoj restis ekster la tiutempa ordinara pensmaniero.

En 1905, ĝenerale oni ne antaŭvidis la eksplodon de la unua mond-milito en 1914. Des pli malmulte la eksplodon de la dua en 1939. Ne ankaŭ la faŝismon nek la naziismon nek la rusan revolucion de 1917 kaj laste la forfalon de la stalina komunismo. Neniu el ili antaŭvidis la baldaŭajn gravajn eventojn. Krome, ili estis patriotoj kaj tiu sento kondukis la homaron al grandaj buĉadoj. Neniu el ili oponis al la milito aŭ sin deklaris kontraŭ ĝi.

Antaŭ la unua mondmilito de 1905 ĝis 1914 la bulonja esperantis-mo videble kreskis. Al la neokazinta kongreso en Parizo en 1914 aliĝis kvar mil esperantistoj. De tiam tiu nombro da kongresanoj malmultfoje estis superita. La bulonja esperantismo stagnas. La Zamenhofa esperantismo preskaŭ ne ekzistas.

Nuntempe, pro la atom-energio nova tutmonda milito pereigu la homaron. La komunikado reduktas la mondon al unu sola granda vilaĝo. Materiale la mondo jam estas unuigita, sed la homoj ankoraŭ ne enkapigas la novan tempon. La ordinara pensmaniero restas nebula kaj sen orientiĝo. Anstataŭ pripensi pri la estonteco —pro timo al ĉio nekonata— oni rigardas la pasintecon kaj reviviĝas pasintaj naciismaj, kiuj povas konduki la homaron al ĥaoso. Neniu movado celas la homarunuiĝon, nek celas ĝin la bulonja esperantismo, tamen nur esperantista movado sub la ideario de Zamenhof povas entrepreni tiun taskon. Pere de la lingvo Esperanto oni povas kaj devas entrepreni la urĝan taskon, la unuiĝon de la homaro.

# FORPASIS JUAN CARLOS RUIZ SIERRA

*Miguel Fernández*

Kvankam antaŭ kelke da monatoj lia misfarto evidentiĝis grave zorgodona, kaj kvankam poste ni konstatis, ke li trasuferas la lastan fazon de nekuracebla malsano, la novaĵo pri la forpaso de Juan Carlos Ruiz Sierra, last-epoka MEL-prezidanto ĝis la januare okazinta Ĝenerala Asembleo, profunde nin konsternis. Tiom da vivo emanis el li ĉiam, ke nia menso ne kapablis bildigi lin tuŝita de la morto. Sed Juan Carlos ĉesis esti kun ni korpe la 31-an de la pasinta januaro. Anime, li restos porĉiame.

Apenaŭ la sciigo trafis la madridan e-rondon, grupo da MEL-anoj sin turnis al la Tanatorio Municipal de Madrid, kie kuŝis la kadavro de nia sincere bedaŭrata kunulo. Laŭlonge de la 1-a de februaro dekoj da e-istoj, kelkaj el ili venintaj el Valencio, vizitis la funebrejon por doni la lastan adiaŭon al la neforgesebla amiko kaj akompani lian edzinon, s-aninon Maribel Alonso, en tiaj dolorigaj momentoj.

La matenon de la 2-a de februaro la restaĵoj de Juan Carlos ricevis kremacion en la tombejo La Almudena, de Madrido. Abundis funebrantoj. Diversis iliaj agad-sferoj: Juan Carlos ĉie semis bonhomecon kaj rikoltis estimojn. Nebulo fumis ĉe la ĉirkaŭaj tomboj, sed ĝi malaperis poiome. Pluis, tamen, ene de ni alitipa nebulo neforpelebla, griza, frosta kaj koroda: nebulo de foresto.

Ja ĉiu morto naskas aflikton ĉirkaŭ si. Ĉiu homo postlasas faskon de lumoj kaj de ombroj. Unikaj, neripeteblaj. Ĉiu pereo modifas la vojojn de la steloj. Sed ne ĉiuj forpasoj efikas same sur la universon. La naturo eĥas akordojn de kontento, malgraŭ la doloro, post ĉiu vivociklo trae plenumita. Tamen ajna interrompiĝo de tia ciklo elblovas frustracion. Tielas ĉi-kaze. Juan Carlos mortis ankoraŭ en junaĝo. El tio, nia duobla amaro. Restas, malgraŭe, la konsolo, ke li intense trairis ĉiun sekundon. Prononci lian nomon signifas loki sin sur la dimensio de la vitalo, de la jubilo, de vivĝojo vulkaneca kaj kontaĝa, de la pozitivaj flankoj de la ekzistado: "Kial oni ne lanĉas gazeton kun nur bonaj novaĵoj?" li plendis elkore kaj disfoje.



Juan Carlos forpasis. Kiam freŝas ankoraŭ la vundo, ve!, el la morto de Ada, jen forflugis plia bela paĝo el la

lastperioda madrida esperantismo. Kiel duraj sortobatoj! Ĵus ni perdis plian protagoniston kaj atestanton de iama ora epoko, kiam la ampleksa MEL-sidejo foje ne sufiĉis por kontentigi ĉiujn petojn pri instruado. Kaj aktivis ĉe ni geedzoj Fighiera, netakseblaj majstroj kaj amikoj, kiujn multaj el ni prenis kiel referencon ne nur lingvan, sed ankaŭ kulturan kaj homan. Kaj, sekve de ĉi MEL-apogeo, ekcirkulis altvalora nova limfo: J. Camacho, F.J. Moleón, M.A. Sancho... "Kaj la futur' ankoraŭ bunte bravis".

Ĵus ni perdis homon, kiu vigle kontribuis al tia renaskiĝo. Kun kia fervoro li gvidis kursojn; artikolis por *Nia Voĉo*; demarŝis ĉe oficialaj instancoj por ke MEL kaj HEF ricevu la konsideron «Asocioj kun publika utilo»; ellaboris, kune kun Gian Carlo Fighiera, la dokumenton *Datos acerca del movimiento esperantista en España: 1887-1997*!... Kun kia pasio li ofte "tapetis" Madridon per kurs-heroldaj afiŝoj aŭ varbis novajn adeptojn ĉe rudimenta budo en El Rastro, la renoma madrida pulbazaro!...

Juan Carlos forpasis, forflugis bela paĝo de nia nuntempa historio. Lin ni priploru, sed endas plue veli. Iel —jen nia forto aŭ kondamno— ni estas ankaŭ istoj de espero.

**56a Hispana Kongreso de Esperanto**

**Retadreso:**
a-casquero@redestb.es
**Kongresa paĝo en Internet:**
redestb.es/personal/a-casquero

# Intervjuo al la Direktoro de la Hispana Esperanto-Muzeo

*Intervjuis: Luis Serrano Pérez*

Unu el la personoj kiuj pli laboris por Esperanto en Hispanio estas sendube nia samideano *Luis Mŭ Hernández Izal.* Dum la sesdekaj jaroj, li revis starigi Esperanto-Muzeon en nia lando, kaj fidela al tiu ideo ofereme kaj konstante strebadis dum kelkaj jardekoj ĝis li atingis tiun realon en sia urbeto, Sant Pau d'Ordal (Barcelono).

Kiel ni jam anoncis en *Boletín*, la hispanaj geesperantistoj unuanime akceptis sugeston de kataluna kolektivo por celebri ĉiujare, la trian dimanĉon de junio, la *Tagon de la Hispana Esperanto-Muzeo*, kio fakte samtempe signifas omaĝon al la merito-plena figuro de ĝia Direktoro S-ro Luis Mŭ Hernández Izal. Tial ni konsideris interese kaj oportune konversacii kun li pri tio, kiel naskiĝis la penso fondi tiun Muzeon, kaj kiel li solvas la subtenon kaj malvolvon de tiu organizaĵo. Ĉar en la vivo ĉio havas sian komenciĝon, mi demandas al li:

1) *Kio instigis vin fondi la Esperanto-Muzeon?*

Afable, laŭ sia persona stilo, li res-

pondas al mi: —Kiam mi finis la studadon de Esperanto, kaj jam plene konvinkita pri ĝia utileco, mi konstatis, ke praktike mi ne povas ĝin uzi, ĉar mia profesia laboro akaparis mian tutan tempon, kiun mi volus dediĉi por amika korespondado. Cetere, en tiu tempo mi ne disponis la sufiĉan monon por veturi eksterlanden. Tiam mi decidis iel kontribui efektive al la Esperanta Movado kaj iĝis dumviva membro de UEA. Paralele mi pensis, ke profitante mian emon al kolektado, per la E-gazetoj kiujn mi ricevadis, mi kolektos la unuan materialon, kiu taŭgos kiel bazo por io pli grava por estonte. Neniam mi povis imagi, ke mi atingos kolekti 10.000 malsamajn titolojn, el kiuj 3.200 estas libroj. Nun en la Muzeo estas registritaj 13.167 jarkolektoj, el kiuj 7.031 kompletaj, devenantaj el 3.242 malsamaj titoloj.

2) Sendube, vi jam vizitis aliajn Esperanto-Muzeojn. Tiu penso igas min demandi al vi: *kio mankas en via Muzeo, kion vi trovis interesa en alia, kaj inverse, kion vi havas en la via ne trovitan en la aliaj kaj tamen vi opinias ĝin speciale interesa?*

-Mi vizitis diversajn Muzeojn kaj konas interesajn kolektojn. Mi povas certigi al vi, ke nur tiu mia kaj la germana de Aalen havas la tutan materialon enkomputiligitan kaj samtempe libroforme. Nun mi povas jam anonci, ke mi jam komencis novan katalogon por aktualigi la tutan mate-rialon.

3) Ni ĉiuj scias, ke la Hispana Esperanto-Muzeo estas via propraĵo laŭ inspiro kaj kreo, sed subtenado kaj ampleksigo de tiu atentinda projekto bezonas seriozan financan apogon. *Kiel vi solvas tiun gravan problemon? Ĉu iu institucio helpas vin?*

—La Hispana Esperanto-Muzeo ricevas nenian subvencion de oficialaj instancoj. Mi deziras esti tiurilate tute sendependa. Mia hobio estas Espe- ranto kaj mi opinias, ke ĉiu devas pagi sian propran amatorecon. Mi komen-cis mian kolektadon en 1.963 kaj mi ankoraŭ ne atingis, nek la kvanton, nek la kvaliton de aliaj Muzeoj, nome Vieno, Londono, kaj eble tiu de UEA. Mi atingis ke ĝia materialo facile konsulteblas en trankvila medio kaj helpe de komputero (kaj ankaŭ de mia propra menso), kiu dank' al Dio ankoraŭ funk-cias kvazaŭ alia komputero por helpi al iu ajn konsultanto...

4) Por ĉiu grava projekto, oni devas antaŭvidi certan estontecon. Tiurilate, *kion vi povas anticipi al ni pri tiu de la Hispana Esperanto-Muzeo?*

—Nuntempe oni kutimas pensi, ke la ŝtato devas subvencii ĉiujn kulturajn projektojn. Tamen, se ni atente pripensas la aferon, ni tuj konscios ke estas multaj aliaj bezonoj pli urĝaj en la mondo: malsato, labormanko, milito-detruoj, socialaj problemoj, teruraj kolektivaj malsanoj, k.a. Kvankam oni povas facile dedukti, ke eventuala helpo al

Muzeoj estus ridinde malalta kompare kun tiuj bezonoj de la homaro, mi opinias ke mi atingos mian pro-jekton sen alia helpo, kaj tial devigos neniun elspezi monon por mia hobio. Tamen, mi ne volas nek devas silenti la grandan helpon kiun mi ricevas de unuopaj esperantistoj, Esperanto-grupoj kaj E-eldonejoj per malavara donaco de abunda materialo...

5) Samideano Hernández, krom ciuj klopodoj kaj problemoj kiujn vi devas alfronti ĉiutage en via privata vivo, vi devas ankaŭ solvi la pezan subtenadon de la Muzeo. *Ĉu vi opinias, ke valoras la penon tiom da laboro por via entreprenita celo?*

—Mi estas kontenta pri miaj ĝisnunaj atingoj tiurilate, ĉar mi povis multe helpi al multnombraj fakuloj en ilia esplorado en priEsperantaj temoj. Certe, mia plej grava tasko estas la kolektado de materialo kaj koncerna katalogado por eviti ke ĝi malaperu kun la forpaso de la tempo, sed mi diru tuj, ke mi ankaŭ celas diskonigi pere de katalogoj la enhavon de la materialo, kiun mi posedas por ke la fakuloj povu profiti ĉion interesan de la Muzeo. Al la tuta mondo mi sciigas, ke se iu ajn bezonas konsulti ion, ke li/ŝi ne dubu kontakti min. Kaj se oni deziras helpi min, la plej bona servo, kiun mi povas ricevi estas la sendo de superflua materialo al la Muzeo. Gazetoj, bultenoj, cirkuleroj, informiloj, malnovaj dokumentoj, kiuj ofte iras al la paperkesto, estas ja profitebla por la Muzeo: ja tio estas la historio de la E-rondoj el la tuta mondo.




6) La 17an de la nuna jaro oni celebros la *Tagon de la Hispana Esperanto-Muzeo*, kaj en venontaj jaroj tiu festo okazos la trian dimanĉon de junio. Ni esperas amasan partoprenon de ĉiuj hispanaj esperantistoj kaj ankaŭ de multaj eksterlandanoj. La precipa celo estas danki vin pro via senlaca, fervora memdediĉo al Esperanto. *Ĉu vi havas specialan mesaĝon por la esperantistaro tiuokaze?*

—Evidente, mi estas kontenta, ke niaj gesamideanoj dediĉu specialan tagon al la Muzeo, sed mi deziras diskonigi, ke sen la helpo de mia edzino, kiu ofte anstataŭas min en mia profesia tasko, la ekzisto de la Muzeo ne estus ebla. Krom tiu tasko, ŝi ĉiam akompanas min al E-kongresoj kaj kun-venoj. Estas ja pro tio, ke mi kreis la premion "Klara Silbernik", ĝuste por simbole premii tiujn edzinojn, kiuj helpas kaj instigas la esperantistan agadon de la edzo, imitante tiel la edzinon de D-ro Zamenhof, kiu tiel efike kontri-buis al lia sukceso.

Mi dankas nian samideanon Hernández Izal, kiu tiel komplezeme kaj ĝentile respondis miajn demandojn. Dankon!

# ESPERANTO SUR LIA VIVOVOJO, KADRE DE PROGRESEMA IDEALO

*Intervjuis : VELUS*

Nunaokaze ni prezentas, en tiu sporada angulo de *Boletín*, intervjuon kun memvole retirita registristo de la proprieto, liberpensulo, *Jesus Raposo Montero*, el Valencio, elstara esperantisto kaj mondcivitano, homo profunde pacisma kaj ĉiam daŭre strebanta por la kon-kordo kaj amikeco inter ĉiuj popoloj de nia terglobo. S-ano Raposo ankaŭ firme pledas por la enkonduko en la tutan mondon, de racie adekvata sistemo, en kiu estus prioritata la utiligo de ekologiaj energioj, kiaj la suna, la eola kaj la hidraŭlika.

Motive de la feliĉa koincido, ke lia edzino, s-anino Angeles Fernández, estas nunjare honorata per solena livero de la jam tradicia "Promio Klara Silbernik", aŭspiciata de la institucio *Hispana Muzeo de Esperanto*, ni formulis al s-ano Raposo kelkajn demandojn, kiujn li afable respondas tuj sekve:

1) *Kie, kiam, kiel kaj kial vi interesis vin pri Esperanto, kaj kio decidigis vin eklerni ĝin?*

Pri Esperanto mi vere interesiĝis en Valencio -kun longa esperantista tradicio-kie mi eklernis ĝin de la 8a ĝis la 23a de junio 1970, kune kun grupeto da komencantoj. Nia fervora kaj kompetenta instruisto estis s-ro Vicente Marti Miñana, jam forpasinta. Al li iras mia profunda dankemo. Pro profesiaj kialoj mi prokrastis la daŭrigan studadon de la lingvo. Fine, mi esperantistiĝis tri jarojn poste.

Kvankam mi sciis kelkajn modernajn lingvojn —inter ili la anglan kaj la francan— Esperanto forte allogis min kiel la ununura lingvo per kiu oni povas atingi mondcivitanan konscion.

2) *Ni konstatis, ke vi ankaŭ laboras por la pacismo, kaj eĉ de tempo al tempo presigas informojn tiurilatajn, ĉu vi asocias Esperanton kun la mondpaco?*

Sendube, Esperanto, sur sia kampo, jam realigas la lingvajn ordon kaj konkordon internacie, kiel ne etnia, neŭtrala pontolingvo, kaj pro tio akcelas la homaranan konscion kaj konsekvence kontribuas, ne nur sonĝe sed fakte, al alveno de l' mondpaco.

3) *Ni ankaŭ scias, ke krom via fervora memdediĉo al Esperantismo, ankoraŭ unu el viaj entuziasme karesataj okupoj, nome estas via senkondiĉa apogo al la disvastigado de la ekologio, ĉu ne vere, ke tiu ĉi verda movado, same noblacela kiel tiu daŭre realigata de la esperantistaro, grandaparte koincidas?*

La plej grava postulo de la Ekologia Movado estas la mondskala anstataŭigo de la poluciigaj, nerenoviĝeblaj, fosiliaj kaj atomaj energioj, per la pura, neelĉerpebla, plurforma suna energio: nome, rekta (maksimume utiligota), hidroe-

lektra (ĉe multaj, sed ne grandegaj fabrikoj), termika, fotovoltaika, eola, tajda, geotermika, biomasa, ktp.

Same kiel Esperanto estas individua, socia kaj internacia lingva renoviĝo, la tutmonda utiligo de la plurforma suna energio estos historie la plej granda renoviĝo, paca revolucio de la homara civilizacio, kondiĉe, ke samtempe ni konvertu la minacan, ruinigan kaj malnoblan produktadon de la gigantaj amasoj da ĉiaspecaj mortigarmiloj en produktadon de bonhavaĵoj por la vivo kaj bonstato de ĉiuj homoj kaj popoloj sur la Tero. Do, nia stelo potentegas por liberigi nin, se nur ni volas mem nin liberigi tra la stela erao de l' Homaro.

4) *El via esperantista vivo, ĉu vi memoras iun kuriozan anekdoton, por ĝia diskonigo inter la gelegantoj de "Boletín"?*

Kiam mi preparis la publikigon de miaj "TRI TUTMONDAJ PROPONOJ" por pre- zenti la broŝuron al 78a Universala Kongreso en Valencio, mia okula vitreo kolapsis

kaj mi ne povis skribi kaj eĉ ne legi. Tiam mia edzino (dank' al sia por tio sufiĉa scio de Esperanto) taŭge helpis min pri la korektado de mia teksto kaj feliĉe la afero fine sukcesis. Ĉi tie mi ĝojas publike kaj kore danki al s-roj Felikso Navarro kaj Aŭgusto Casquero pro ilia respektiva parta kaj baza Esperanta traduko de tia mia verketo.

5) *Fine, kiel vi procedus por efektivigi plej efikan disvastigon de Esperanto en Hispanujo, surbaze de maksimuma respekto inter la diverstendencaj esperantistoj?*

Krom aliaj agadoj tiucelaj, mi sugestas, ke niaj samideanoj ĉe ĉiuj rondoj en Hispanio direktu siajn klopodojn aparte, sisteme kaj konstante, por informi vereceamplekse, pri la multflanka vivo de la Esperanta Movado kaj speciale pri ĝis scienca valoro sur la kampo de la lingvistiko ĉe universitataj profesoroj kaj ĉe instruistoj ĉiunivelaj, kulturaj asocioj, amaskomunikiloj kaj politikuloj unuope kaj kolektive: pere de metodika disdivido de tia grava tasko inter la kompetentaj esperantistoj el ĉiuj Asocioj.

*Omaĝe al la itala poeto Aldo de ' Giorgi.*

# SICILIAJ POETOJ EL LA MEZEPOKO



*Antonio Marco Botella*

En mia pasinta kroniko pri la siciliaj poetoj el la mezepoko, mi speciale elstarigis la figuron de Ibn Hamdis, forpasinta en la jaro 1133, sed tio tute ne signifas ke li estis la sola elstara poeto de tiu bela insulo. Hodiaŭ mi okupiĝas pri kelkaj aliaj poetoj el tiu epoko kaj regiono:

Fama pro siaj priamaj poemoj graciplenaj poemoj, menciindas la sicilia-araba poeto Ibn Tubi, kiu elstaris dum la 11a jarcento, kaj kies poemoj spegulas ankoraŭ nun, ne nur poezian belecon sed la talenton de la verkinto. Jen kelkaj el liaj belaj versoj:

I
Nepre mia viv' finiĝu,
se mi iam vin rekisas;
viajn fajnan ĉarmvizaĝon
kaj rigardon tre fascinajn,
vian korpon mi forvoras
kaj vin trinkas ja avida.
Kiam en plenpura fonto
trinki soifant' atingas,
ĝuas malpli vojiranto
ol mi kiam vin mi kisas.

II
Ne gracio kreas miron
pli ol ŝia bel' kaj ĉarmo,
sana spir' de ŝia buŝo
pli parfumas ol mar-ambro;
ŝi, diskreta kaj mistera,
glitas for per milda paŝo,
mi ne scias, ĉu ŝi haltas,
sed lumspur' kaj aromaĵo
lasas indikita vojon
denuncantan ŝian pason.

III
Ŝiaj grandaj nigrokuloj
frenezigis mian kapon;
lerta flikistino sorĉe
ŝin diris pri mia amo
kaj simile lamp' absorbas
sukon el la dormoplantoj,
ho, feliĉo! ŝi tuj venis
pasie al miaj brakoj!

Alia sicilia-araba poeto sufiĉe elstara, kiu prenis la nomon de sia naskiĝurbo, Bellanubi, verkis multnombrajn poemojn, el kiuj malmultaj restas. El elegio dediĉita al lia forpasinta patrino mi eltiras jenajn versojn:

Vian perdon, mia kara!
mi ploras kun plena koro,
kie via mort' min vundis
kaj bruligas min l'angoro.
Orient' de Okcidento
povas esti la simbolo
por kompari la distancon
disigantan niajn korpojn.
Sed en mia kor' vi vivas:
sur ĝi restu en ripozo,

akvumu la tombon vian
mia plor' kaj dia roso,
por ke ŝprucu floroj belaj
ĉirkaŭ via frid-marmoro.

Akiris grandan famon kiel poeto ankaŭ, Abŝ-l-Arab. Kiam la nor-mandoj konkeris Sicilion (1061) gviditaj de Roger de Hauteville, la indikita poeto, kiel aliaj sicilianoj, ne akceptis la fremdan jugon, kaj elmigris. Abŝ-l-Arab proteste diris:

«ne estas mi, kiu forlasis la patrion, sed mia patrio, kiu forlasis min», kaj per impresaj versoj esprimis tiun senton:

Mia destino

Kial, se ĝi ĉiam mokas
mian fidon kaj esperon,
devas mi daŭrigi tamen
sen reagi per ribelo?

Sekvi rekte sur la vojo
de l' honoro sen ŝancelo
devus esti ja konduto
kaj gvido de nia stelo.

Sed mi, fine, kien iros?
ĉar hezitas miaj pensoj:
Al mi Oriento plaĉas
sed ne malpli plaĉas belo
de l'alloga Okcidento
ĉe l'andalusi-parcelo.
Volis la destin' fatala
ke mi lasu mian teron,
por mi tio estas dura,
pli kruela ol malbeno,
kiel por kamelo estas
la sablaro de l' dezerto.

Ho, ne cedu, koro mia,
al l' akutaj multsuferoj!,
ĉar kaptita de kristanoj
mia land' sub fremda ĉeno
sentas grandan humiligon
pro la perdo de libero.

Forkuranta de ĉi honto,
grimpos mi ĝis la montegoj
kie nestas nur la agloj,
kie regas nur la vento.

Kiun foran landon havas
por mi preta la ĉielo?
ĉu ne estos regiono,
kie homo kun frateco
sin sentadu vera frato
aliula kun sincero?
Ĉu ne estos tiu mondo
ĉies hejmo, homa revo?

Al-Mutamid, Sevila reĝo en Al-Andalus, eksciinte pri la talento kaj la malfaciloj de la kunvivado de Abŝ-l-Arab en lia patrio post la invado de la normandoj, sendis mesaĝon al tiu sicilia poeto kaj kun ĝi konsiderindan sumon da mono por la vojaĝo, proponon pri azilo kaj protekton senliman en sia kortego. Kronikisto de tiu epoko rakontas, ke en certa okazo, kiam la sicilia poeto estis en la privata ĉambro de la reĝo, ĵus ricevinte grandan kvanton ĵus fabrikitaj da ormoneroj de la Ceca (*). Al-Mutamid donacis al la poeto du saketojn da ormoneroj, sed, verŝajne, la poeto ne sin sentis ankoraŭ plene kontenta kaj ne disigis sian iluzian rigardon de pluraj ambrofiguroj kiuj ornamis la salonon, kaj speciale allogis lin unu el ili fantazie ornamita per perloj kun la formo de kameleto.

—Sed, sinjoro, sugestis la poeto, por kunporti tian ŝarĝon mi sendube bezonas kamelon.

La reĝo bonvoleme ridetis kaj donacis al la poeto ankaŭ belan kameleton.

Alia grava sicilia poeto estis Ibn Katta, aŭtoro ankaŭ de pluraj historiaj kaj gramatikaj verkoj, inter ili unu sufiĉe grava *Historio de Sicilio*. Li kolektis ankaŭ antologion, kiu enhavas poemojn el 170 siciliaj poetoj. Ankaŭ li forlasis la belan insulon, kiam la normandoj invadis ĝin. En la poemo, kiun ni reproduktas, oni povas konstati, ke ankaŭ la sicilianoj arabstile ornamis la kasidojn per bildoj el la dezerto kaj verŝis larmojn sur la tendaron forlasitan de la beduenoj aŭ sur la detruitan domon de la amatino:

Ne perdu en amoj vanaj
viajn plej belegajn tagojn:
pro malŝata gest' de Noma
aŭ de Zayda figrimaco,
nek pro la ruin' de l' domo
ploru antaŭ la tendaro
forlasita de l' amata
sen la Maya amo-ravo.
Ne afliktu vin soleco
serĉu solvon kun kuraĝo,
kun la sola cel-aspiro
de plej alta idealo.
Pensu ke nur pretervivas
el la peko la fiago.

Sed ne ĉiuj siciliaj poetoj elmigris eksterlanden, kiam la normandoj okupis la ĉarman insulon. En venontaj kronikoj mi verkos pri tiuj poetoj, kiuj, kvankam restintaj tie, konservis la araban stilon kaj uzis la kasidon kiel versoformon, simile kiel oni faris en la revotero de tiu epoko nomata Al-Andalus.

(*) Ceca: (ár. sekka, devenanta de la esprimo "där al-sikka"), hispana-araba vorto signifanta loko, kie oni fabrikas monerojn, t.e. "monero-domo". Post la alveno de araboj en Al-Andalus forpasis ne malpli ol unu jarcento sen propra monero, ĝis kiam la emiro Abd al-Rahman II (792-852) ordonis fabriki ĝin en Kordovo. Dum la periodo de la tajforegnoj, ĉiu el ili havis sian propran "monero-domo"-n.



## Nekrologo

Kun bedaŭro ni sciigas al nia legantoj pri la forpaso de nia veterana samideano *Juan Liceranzu Ortega en Bilbao la 8an de decembro 1996, fondinto de la loka E-Grupo en la nuna epoko. Li ofte partoprenis hispanajn kaj universalajn kongresojn; fervora korespondanto, vojaĝemulo kaj filatelisto li havis multnombrajn geamikojn en la tuta mondo kiel sincera esperantisto.*

La E-Grupo de Bilbao kaj HEF esprimas sinceran kondolencon al la familio de nia kara samideano!

Li pace ripozu!

# "Poemo de Utnoa" en la kataluna lingvo



*Abel Montagut*

La kataluna versio de "Poemo de Utnoa" aperis en Lleida-urba eldonejo. Ĝi ricevis monsubtenon de tiea institucio kaj la eldonejo *Pagès Editors* akceptis ĝin aperigi. Ĝi publikiĝis en scien-fikcia serio sub la titolo "La gesta d' Utnoa".

La surpaĝa prezento de la teksto estas prozolinia krom sur la unua paĝo: la dek du unuaj versoj aperas versforme kaj kursive. Temas pri indikilo por konanto de tiaspecaj versoj, la katalunlingve adaptitaj heksametroj kun kelkaj licencoj. La cetero estas fakte versa laŭ la ritmo, sed allaseblas pli da metrikaj devioj ol en strikte formala versolibro.

Mi konscias ke antaŭ ol fari ĉi tiun eksteran adapton mi hezitis. Fakte mi rimarkis ke ju pli normaj estas la versoj des pli arkaikecaj laŭlingve kaj des pli rebusaj kaj embuskaj. Sed mi konscias ke en esperanto kaj origine mi celis tute la malon: simplan lingvon, rektan alireblon al la enhavo kadre de gvidaj ritmo kaj versostrukturo, sed ĉi lastaj ne troe kondiĉu la lingvaĵon. Estas ia ekvilibro aŭ mezo inter prozo kaj verso, oni povas eĉ dubi ĉu temas pri poezio aŭ pri prozo. Ĝuste tion mi celis ĉi-terene kongrue kun la enhavo.

Siatempe, ĉirkaŭ la jaro 1987a, kiam mi pli multe pricerbumadis ol verkadis la poemon, mi surkajerigis: la leganto pridubu ĉu li legas versan aŭ prozan verkon, ĉar la esenca temo estas starigi kaj sentigi la demandon ĉu la homoj estas vere raciaj aŭ ne. La saman dilemon li trovu laŭlonge de la tuta verko diversnivele, do ankaŭ rilate al la formo. Tial mi trovis dum mia katalunigo, ke ne kongruus strikte poeziecaj, senprozecaj versoj. La versoj devas esti prozecaj, almenaŭ duone, almenaŭ dubindige. Kaj tiel la tuta verko en ĉiuj siaj aspektoj: ĉu la poemo vere laŭdas la sintenon de Utnoa aŭ kondamnas ĝin; ĉu pravas Emme Soraa aŭ Roa Numuo; ĉu la dilmunidoj konscie serĉas la savon de l' homaro aŭ nur tiun propran egoisme; ĉu la sinteno de la nomadoj antaŭ la buĉantaj soldatoj estas imitinda aŭ rifuzinda; ĝis kia grado ilia "ekologieco" kaj naiva naturamo modelas; ĉu la urba aŭ la nomada vivoformoj preferindas, ktp. Do, la verko celas unuavice levi demandojn ĉirkaŭ tiu centra pli supre menciita.

Se tielas, la prozforma ekstero estas nenia perfido al la verko, sed alipers-pektiva prezento kiu ne ŝajnas al mi malpli oportuna por la kataluna legantaro. Por la esperantlingva legantaro mi opi-

nias pli taŭga la versan formon kia ĝi aperis, sed por la okcidentkultura literaturmedio kataluna mi juĝas la prozan veston pli alirebla kaj laŭcela.

Ion similan mi povus diri rilate al ĝia apero ene de scienfikcia kolekto: la aŭtoro, Daa-35, estas aliplanedano laŭ liaj asertoj; la mondo de la dioj inspiriĝas sur tiu scienfikcia; tamen, eble la verkon entute malfacile oni klasus en tiu ĝenro... Fakte, antaŭ ol mi prezentis ĝin al iu ajn eldonejo, mi aldonis al la kataluna manuskripto jenan noton al la sojla "Averto de la aŭtoro" (ĉar mi konstatis ĝin necesa por la komprenado de la perspektivo):

(Daa-35)"* Temas, laŭ liaj informoj, pri eksterterano devenanta de la stelo Wolf424 (je 3,68502 lumjaroj la 4-an de januaro 1955). Kun aliaj supozataj aliplanedanoj el diversaj steloj li loĝas en kolonio sur la Hesperiaj Insuloj, en la Pacifika Oceano (118Ŭ 15' 3"W, 47Ŭ 9' S). Laŭdire, li verkis la poemon por la kolonianoj, kiuj celas asimiliĝi al la tera civilizo, kaj li sendis al mi kopion en septembro 1991. Mi ne pridiskutos ĝian originon. La sola afero konstatebla estas la teksto en viaj manoj."

## (4) Omaĝe al Amalia Nuñez Dubús

Kiel daŭrigo de nia omaĝo al nia navara esperantistino okaze de la 20a datreveno de ŝia forpaso, ni publikigas hodiaŭ novan poemon de nia elstara poetino:



NOVJARA SALUTO

La paco sur la tero nur estas mito;
Ĉie la mondon premas grandaj doloroj.
Ĉie resonas eĥoj de la milito;
mortoj, brulegoj, pafoj, vundoj kaj ploroj.
La homo sian vivon pasas per kantoj
kaj forgesas la sangon de la vunditoj,
la kriojn gajeeplenajn de la venkantoj
kaj la plorantajn kriojn de la venkitoj.

Nure, super kruelaj homaj doloroj
brilas inter la nuboj la Verda Stelo,
ĝi vokas unuigi korojn kun koroj
kaj la mondon klarigi per sia helo.
Inter homaj bataloj, estas perdita
tia voĉeto, kiun oni forpelas,
ĉar la mondon frenezan, fumo milita
nun plenkovras plu tio, kion ni celas.
Sed ĝia lumo estis ne senutila;
inter miloj vokitaj, kelkajn ĝi trovis;
la Steleto lumigas per lumo brila,
ĉar se multaj ĝin neis, kelkaj sin movis.

Jam post la longa nokto, la lum' aperas,
permesu ke tra limoj, lingvoj kaj rasoj
frate sin amu tiuj, kiuj esperas,
ni, hodiaŭ polvero, morgaŭ amasoj.
Ke trovu feliĉecon tuta Homaro
dum la venonta jaro, la dudekkvina,
saluton al tutmonda amgefrataro
kaj al ĉiuj la landoj, pacon senfinan!

Orig. verkita de A.N.D.



# TENERA KOLOKVO DE INFANO KAJ LIA PATRINO

Beletraj juveloj

*Rabindranath Tagore*

-El kie mi venis, kiam mi vin renkontis?, demandas infano al sia patrino.

Ŝi, premante lin kontraŭ ŝia brusto, emocie respondis lin ploranta kaj ridanta:

-Vi estis kaŝita en mia koro kiel iluzia deziregо, amo mia!

-Vi estis en la ludopupoj de mia infaneco kaj kiam, ĉiumatene, mi imagis la formon de mia dio per argilo, mi vin faris kaj malfaris...

-Vi estis en la altaro kiel dio de mia domo; kaj adorante lin ankaŭ mi vin adoris.

-Vi estis en ĉiuj miaj esperoj kaj en ĉiuj miaj karesoj...

-Vi vivis en mia vivo kaj en la vivo de mia patrino.

-Vi estis veninta, jarcenton post jarcento, en la sino de la senmorta spirito, kiu regas mian hejmon. Kiam mi estis knabino kaj mia koro malfermis siajn foliojn, vi ŝvebis en la aromo kiu ĉirkaŭis min. Via tenera mildeco ekfloris antaŭ en mia juna korpo, kiel la lumo ĉe Oriento antaŭ la sunekbrilo...

-Unua ĉielamo! -Ĝemela frato el la taĝiga lumo! vi malsuprenvenis en la mondon tra la vivorivero, kaj, fine, vi haltis en mia koro mem.

Kia ravo min ĉarmas rigardante vin, filo mia, ĉar krom esti ĉio, vi fariĝis tute mia; kaj kiom granda estas mia timo perdi vin! Tial, vi devas esti forte premata kontraŭ mia brusto! Ho, ve! kia magia povo envolvis la mondotrezoron ĉirkaŭ miaj malfortaj brakoj!

Tradukis: AMB.

# Loĝado dum la HK

Ĉiu kongresano devas plenigi apartan mendilon. Sendu mendilon kaj kvitancon de la pago al la LKK, Gran Vía Fernándo el Católico 45, 3a, ES-46008 Valencia, kaj la pagon al la bankkonto: Bancaja, Málaga 37, ES-46009 Valencia, kontonumero 2077 0069 24 3100702329. La mendilon atingu la LKK antaŭ la 1a de majo 1997.

Loĝejoj:

(1) Complejo Educativo Cheste (21 km for de Valencio), 150 litoj:

Loko en 4-lita ĉb, kun plena pensiono, 5 tagoj entute ................ 11.700

Loko en 4-lita ĉb, kun matenmanĝo, 5 tagoj entute ................ 6.800

Loko en 4-lita ĉb, nur loĝado, 5 tagoj entute ..................... 6.000

(2) Universitataj Hoteloj (en la kvartalo de la kongresejo), 150 litoj:

Loko en 2-lita ĉb, kompleta pensiono, 5 tagoj entute ................ 18.000

Loko en 2-lita ĉb, kun matenmanĝo, 5 tagoj entute ................ 13.000

(3) Hotel Renasa (tri-stela, klimatizita, apud la kongresejo):

Loko en 2-lita ĉb, kun matenmanĝo, 1 nokto .................... 5.000

Loko en 1-lita ĉb, kun matenmanĝo, 1 nokto .................... 6.400

(4) Hotel Astoria (kvar-stela, klimatizita, en la urbocentro):

Loko en 2-lita ĉambro, kun matenmanĝo, 1 nokto ............. 8.000

Loko en 1-lita ĉambro, kun matenmanĝo, 1 nokto ............. 11.200

(5) Hotel Melia Rey D. Jaime (kvar-stela, klimatizita, ne fore):

Loko en 2-lita ĉb, kun matenmanĝo, 1 nokto .................... 8.000

Loko en 1-lita ĉb, kun matenmanĝo, 1 nokto .................... 11.200

(6) Hotel Melia Valencia Palace (kvin-stela, plej luksa):

Loko en 2-lita ĉb., kun bufedo por matenmanĝo, 1 nokto .......... 10.000

Loko en 1-lita ĉb., kun bufedo por matenmanĝo, 1 nokto .......... 15.800

**Ekskursoj:**

**Duontagaj**: (D-1) Historia Valencio, 1.000; (D-2) Lago Albufera kaj plaĝo, 2.000; (D-3) Al la maro!, 1.200; (D-4) Nokta Valencio (kun vespermanĝo kaj balo) 6.800.

**Tuttagaj** (kun tagmanĝo): (E-1) Aragón (Teruel, Albarracín) 5.200; (E-2) Oranĝoflora marbordo 4.600.

**Postkongresaj ekskursoj**: (P-1) Madrido kaj ĉirkaŭajoj (14—18 julio) 62.000 (74.500 unulita ĉb); (P-2) Andaluzio (Sevilla, Córdoba, Granada) (14—18 julio) 62.000 (74.500 unulita ĉb).

Nomo.......................................... Lando.....................

Kongresa numero ................................ Dato.....................

Mi pagas: Por loĝado, (   ) noktojn, en loĝejo numero (   )

Por ekskursoj (   ),(   ), (   ),(   ); Postkongresa ekskurso (   )

Entute ........................................ ptojn

Mi deziras dividi ĉambron kun kongresano numero (   )

Post la 1a de majo 1997 aldonu 20% al la tuta sumo

Post la 15 de junio 1997 la LKK ne garantias loĝadon

# 56a HISPANA KONGRESO



# DE ESPERANTO

VALENCIA, 8a—13a DE JULIO 1997

ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj.................................................
Antaŭnomo, s-ro/s-ino/f-ino (1) ..........................................
Aĝo (2)............................ Profesio (2)................
Adreso ..................................................................
Urbo ........................... Poŝtkodo... Provinco..........

Mi aliĝas al la 56a Hispana Kongreso de Esperanto kaj sendas per poŝtmandato, ĉeko aŭ banko la jenan sumon:

Kongreskotizoj:....... ĝis la 1a de majo (4.000 ptojn). poste (6.000 ptojn)
Kongreskotizon kiel unuopulo .................. ptojn............ ptojn
Donacon................................ ptojn............ ptojn
ENTUTE:.............................................. ptojn

Plenigu apartan aliĝilon por ĉiu familiano samtempe aliĝanta
(1) Forstreku la nevalidan
(2) Nur por statistiko

Sendu la monon al la banko menciita sur la 31a paĝo, kaj samtempe la aliĝilon kaj kopion de la konfirmo de la pago al la Konstanta Adreso de la LKK.

KOTIZO ESTAS PERSONA. ĜI NE ESTAS REPAGEBLA.

| Pago ricevita | Konfirmilo sendita | Loĝejo mendita |
|---|---|---|

